**REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND**

*21a jarkolekto n-ro 3 majo-junio 2016*

# Fenikso

Esperanto Nederland






# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50. Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

*Prezidanto:* vakas.

*Esperanto Nederland:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen; tel. 024-645 51 33 / 0622-60 33 79 <sekretario@esperanto-nederland.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monickendam; UEA-konto: esne-h.

*Instruado:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Ĝemelaj Urboj:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen; tel. 024-645 51 33 / 0622-60 33 79 <pieter.engwirda@gmail.com>

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*: <studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen

## ENHAVO



### ALVOKO

**Bv sendi estonte viajn bildojn, fotojn k.s. al la redaktoro! Via revuo bezonas vian subtenon!**
**GB**

### DATOLIMO

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de julio 2016. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

### ĈE LA FRONTPAĜO

Tie ĉi vi vidas kelkajn bildojn de la Monumento Teksela (sendis Benata kaj Jan Hengstmengel-Koopmand el Leiden). Dum Pasko 2016 ni tutfamilie vizitis la insulon Texel. Stimulite de la mencioj en diversaj ĵurnaloj kaj en *Fenikso* de januaro/februaro 2016 mia edzo Jan fotis la Esperantomonumenton en Den Burg (kun la bela nova kadraĵo kaj florpotoj bone prizorgitaj). En unu el la fotoj mi kun mia nepo Joël staras antaŭ la monumento. Cito el ilia letereto,

### DE VIA REDAKTORO

La raportaĵoj pri la Teksela Monumento fariĝis pli ampleksaj ol antaŭvidite, kaj krome la Estraro sendis sufiĉe da materialo – tial nia nuna numero fariĝas pli ol kutime dika. En la Jarkunveno vi certe pri tio diskutos. Por ne pli ampleksigi du eroj estas mendeblaj retpoŝte: ĉe la Kasisto VI POVAS PETI LA FINANCAJN RAPORTAĴOJN por nia kunveno, kaj ĉe la Redaktoro LA RUBRIKON "RICEVITAJ REVUOJ". Se vi havas demandojn pri la bilanco aŭ la rezultkonto, mi petas ke vi sendu retmesaĝon al kasisto@esperanto-nederland.nl, prefere antaŭ la 15-a de majo.



## DE LA ESTRARO

**Prezentado de Veronika Póor en la jarkunveno kaj postagmeza programo**
En la posttagmezo, post la Jarkunveno, la nova ĝenerala direktoro Veronika Póor prezentos sin kaj parolos pri la graveco de la UEA-membreco.
Poste ni planas interalie doni okazon prezenti mallonge sian manieron informi la publikon pri Esperanto: Ĉu vi aŭ alia klubano povus montri kelkajn el viaj materialoj? Povas esti, ke partoprenos pluraj informantoj: tiam la prezento daŭru 10 ĝis 15 minutojn.
Ni esperas, ke vi havos la okazon kontribui al tiu ĉi programero.

**Elektado dum la jarkunveno**
1. Loes Demmendaal kandidatiĝas por la funkcio de **kasisto**. La estraro forte subtenas ŝian kandidatecon. Loes estis estrarano de UEA pri financo kaj administrado de 2007 ĝis 2013 kaj pli frue ŝi estis estrarano de FLE en diversaj funkcioj i.a. kasisto kaj prezidanto. Esperanto Nederland elektis ŝin komitatano A por Nederlando ekde 2013.
2. La mandato kiel **komitatano A** de UEA por Nederlando de Loes Demmendaal finiĝos je julio 2016. La estraro proponas nomi ŝin denove por la nova periodo de 2016 ĝis 2019. La kunveno devas konsenti pri tio.

**Instrui Esperanton al rifuĝintoj aŭ azilpetantoj**
En la estraro ni multe parolis pri tiu afero. Ni konsideras, ke tio ne estas afero por la estraro sed kelkaj individuaj estraranoj interesiĝas pri tio.
La unua bezono de tiuj homoj estas lerni la nederlandan lingvon. Klopodoj por instrui rekte Esperanton per la motivo, ke poste ili pli facile lernos la nederlandan lingvon ŝajnas al ni ne utila kaj ankaŭ COA (Centraal Orgaan Opvang Asielzoekers) ne konsideras tion utila. Said Baluchi, kandidato por esti estrarano, kiu mem spertis tiun trajekton, diras pri tio:
"*Mi opinias ke, se esperantistoj prezentus sin kiel instruistojn de la nederlanda lingvo, eble la koncernaj instancoj donos al ili la eblon eniri tiurilatajn instituciojn. Ĉiu instruisto/esperantisto poste en sia klaso povus uzi komparajn manierojn por instrui la nederlandan lingvon uzante Esperanton. Tiumaniere oni konatigus Esperanton pli efike kaj pli utile. Rekta propagando ne tiom allogas.*"



La estraro opinias, ke tio estas valora opinio, kaj ni proponas al homoj, kiuj volas instrui la nederlandan lingvon kaj samtempe konatigi Esperanton al azilpetantoj aŭ rifuĝintoj, kontaktiu COA kaj "Vluchtelingenwerk" pri tio.

**Transdoni taskojn de Rob Moerbeek**
En la jam publikigita Tagordo de la jarkunveno je la 28-a de majo estas indikite, ke Rob Moerbeek petas transpreni kelkajn el la parte serioze plenumeblaj taskoj. Tiu ĉi taskoj estas:
1) Korektado de tekstoj por la revuoj 'Esperanto', 'Monato', 'Internacia Pedagogia Revuo', 'Esperantista Vegetarano', 'Informilo' kaj 'Antaŭen' de AEH (handikapitoj), 'Kontakto', 'La Kontakto' (Nosobe), la Lingva Rubriko de "Fenikso", Vortaro de Petro De Smedt, Eo-Nl (restas 500 el 700 paĝoj), 'Één Wereld' (Mondfederistoj), foje kompletaj libroj.
2) Prizorgi TADEN (nefumantoj: 3 bultenoj jare, stando en la Movada Foiro, kunveno en la UK)
3) Por la lumdiska versio de "Monato": divido de taskoj (ankaŭ mem legi), voĉregistrado kaj komputila pretigo por sendo al la kopiejo (3 kunlegantinoj); voĉlegi kaj sendi kasedojn al vidhandikapitoj: por 'Heroldo de Esperanto'; "Internacia Pedagogia Revuo", "Kontakto" de TEJO (kun du kunlegantinoj)
4) Artikoli por "Alternsemajna Ripeto" (blufa titolo), "NGGE Sciigas", "Fenikso", "Esperanto" (Lingva Rubriko), "Één Wereld" (2-lingve)
5) Lecioni en Lejdeno, Roterdamo, foje Amsterdamo, al mondfederistoj; en semajnfinoj de Esperanto Nederland kaj Nosobe, ILEI-konferenco.
6) (ekde 2019 se vivo daŭros) Komitatano A por LIBE
7) Mi ne plu atingas korekti "Scienca Revuo", materialojn en 'edukado.net', vikipedio, 'Sennaciulo', tekstojn de NVVN (Ned. Asocio por UN) k.a.
8) Nek regule partopreni en IKBE (kongresoj de LIBE).
Mi dankas la jamajn kunagantojn sed ĝojus, se pli junaj fortoj povus transpreni aŭ plenumi iujn el tiuj laboroj.
Bv kontakti Rob per la retadreso moerbeekr@gmail.com.

**BeNeLuksa-Kongreso 2016**
Ĝi okazos en Lier apud Antverpeno vendredo la 16a ĝis lundo la 19a de septembro. Jen la ligo:
http://bnlk2016.weebly.com
Ni volas kunigi tiom kiom eblos da muzikemaj junuloj (inter 0 ĝis 99) por kune organizi vesperojn je kiuj ili povas prezenti sin. La unua vespero, vendredo, ni planas amuze

muziki kun la junaj muzikistoj, ne gravas kiun instrumenton ili ludas, nek la alteco de la muzikedukado. Por tiuj, kiuj ludas instrumenton kun klavo, kaj povas "seriozan" muzikon prenzenti dum koncerto, ni sabate havos la vesperon: "Klavoj renkontas klavojn" en la kapelo, kie ankaŭ troviĝas malnova orgeno supre, kaj scenejo kun piano sube. Kompreneble grupetoj kiuj muzikas kune, el kiu estas minimume unu klava muzikilo, ankaŭ bonvenas tiam.
Homoj, kiuj volus prelegi, ankaŭ bonvenas, kompreneble. Kiel ĉiam la organizantoj havos multe da aliaj, organizaj taskoj, kaj ĉiu mano, kaj propono, estas bonvena!

Pieter Engwirda

*Op facebook heb ik zojuist dit bericht geplaatst over het UK 2016:*
https://m.facebook.com/story.php?story_fbid=1017358161675331&id=924273380983810
*En gisteren dit bericht:*
https://m.facebook.com/story.php?story_fbid=1016867681724379&id=924273380983810

Andries Hovinga

*Nieuwe leden:*
S-ro Said Baluchi, Vaassen
S-ro J(ohn) van Gils, Beets
S-ro A(rie) van der Brugge, Boskoop
S-ro J.E(Jos) Goedemans, Amsterdam
S-ino G.L(Pina) Romano, Amsterdam
S-ino M(arjan) Franssen, De Bilt
S-ro A(dri) Timp, Muiderberg

*Overleden:*
S-ino A.Noordewier
S-ro J.Calado
S-ro R.J.Hoogendoorn
S-ino F.J.Pieterson-Kruger

*E-mailadres:*
S-ro J.Moonen: joopmoonen@gmail.com
S-ro L.Hordijk: l.hordijk@kpnplanet.nl
S-ro J.Witteveen: joostje@iliana.nl
S-ino M.Kardol: mkardol@me.com
S-ro H.Erasmus: hans.erasmus@ziggo.nl

## RECENZOJ

**1]** En 2015 aperis ĉe Eldonejo Bero **Ciuleandra** de Liviu Rebreanu, tradukita far Ionel Oneţ
La aŭtoro naskiĝis en 1885 en la familio de bazlernja instruisto en vilaĝeto en Transilvanio – tiutempe parto de Aŭstrio-Hungario. Post lernado en la gimnazio en Bistrita li studis en la militista akademio en Budapeŝto. Post sia eksigo el la armeo li laboris kiel ĵurnalisto, apartenis al diversaj literaturaj rondoj, fariĝis sekretario de la teatro en Craiova kaj vivis kviete kiel aŭtoro. Fine de sia vivo li estis prezidanto de la rumana ligo de verkistoj. En la jaro 1944 Rebreanu mortis pro pulma malsano.
Rebreanu verkis rakontojn kaj novelojn unue en la hungara; lia unua kolekto aperis en 1912. En 1920 aperis lia rumanlingva romana debuto Ion (Johano), kiu estis poste rigardata kiel la unua moderna rumanlingva romano post romantika periodo.
Kvankam lia verkaro estas kvalite iom varia, li estas ĝenerale konsiderata unu el la plej gravaj rumanaj aŭtoroj de la dudeka jarcento.
La romano Ciuleandra temas pri Puiu Faranga, nobelulo, kiu en atako de frenezo murdis sian edzinon. La patro aranĝas restadon en kliniko por mense malsanuloj, kie li estu ekzamenata; se li vere estis freneza dum la murdo, la puno estos pli milda.
En cent tridek paĝoj la aŭtoro priskribas la pensojn de Puiu, liaj konversacioj kun kuracisto, patro, onklino, gardisto, kaj li fariĝas simpatia al la leganto malgraŭ la murdo. Estas interese, ke la gardisto alparolas Puiu per "bojaro", mi pensis ke tio estas sole rusa vorto, sed laŭ PIV ĝi estis ankaŭ uzita en Rumanio por indiki nobelulon aŭ riĉulon. La titolo, Ciuleandra, signifas vigla rumana popola danco; en la lasta parto de la romano iĝas pli kaj pli klara, kion tiu danco signifas al Puiu.

Anneke Schouten-Buijs

**2] Laste aperis**
Kiam ekfloras la migdalarbo...
Quando fiorissi el mandorlo...
Temas pri kolekto de 26 poemoj, verkitaj de 7 aŭtoroj en la triesta dialekto. Tradukis ilin triesta teamo konsistanta el Edvige Ackermann, Elda Doerfler kaj Anita Peric Altherr. La poemoj legeblas kaj en dialekto kaj en esperanto.
*Eld. Triesta Esperanto-Asocio. Okt. 2015. 70 p. Bind.*
*Kosto: € 12,00 plus sendokostoj.*
Kontakt-adresoj: esperantotrieste@yahoo.it testudo.ts@gmail.com

3] Recenzo **Enprizonigo**, Krepusko de erao, de Cesar Barros Leal, eldonita en 2003 de Edicoes Democrito Rocha en Fortaleza, Brazilio. ISBN 85-7529-084-3
La libron mi ricevis en novembro kiel lotuma prezo en la malferma tago de UEA.
La aŭtoro estas membro de la brazila Nacia Konsilantaro pri Kriminala kaj Prizona Politiko. Li fariĝis sperta pri tiu temo post invito instrui pri prizona administrado en postdiploma kurso de la Jura Fakultato de Federacia Universitato de Ceará.
Vojaĝojn tra pluraj brazilaj ŝtatoj kun la celo konatiĝi kun ties prizonoj, sekvis vizitoj al prizonoj en diversaj landoj.
La libro enhavas notojn kaj pripensojn pri la prizona universo, kiujn la aŭtoro aktualigis kaj al kiuj li aldonis novajn ideojn kaj informojn.
La unua ĉapitro priskribas la historion de enprizonigo kaj la homajn rajtojn de prizonuloj, temo pri kiu mi sciis absolute nenion. Tra kelkaj jarcentoj la celoj de enprizonigo ŝanĝiĝis; ekz. en 1776 John Howard proponis en sia libro "La situacio de la prizonoj en Anglio kaj Kimrio" izoladon (kun la celo stimuli pripenson kaj preventi kontaĝon), laboron, moralan kaj religian edukadon kaj la klasifikon de la prizonuloj. Poste aliaj proponoj kiaj soleca malliberigo estis efektivigitaj, reĝimo, kiun iuj deklaris "morto dum la vivo."
Nuntempe oni listigas kvar ĉefajn funkciojn de la enprizonigo: reciproko (puno), timigo, reensociigo kaj malkapabligo (de pliaj krimoj.)
Depost 1955 okazas jarkvinaj kongresoj de Unuiĝintaj Nacioj pri Krimprevento kaj Traktado de Krimuloj; en ilia programo estas kvin ĝeneralaj temoj: minimumaj reguloj por la traktado de prizonuloj, elekto kaj formado de prizonula laboristaro, malfermaj punejoj kaj reformejoj, prizona laborigo, prevento de krimo ĉe neplenkreskuloj.
La movado por plibonigo de la prizona sistemo estas daŭre necesa; en pluraj landoj la ĉiutagan enprizonan vivon regas la senpersonigo, la senokupo, la sindrogado, la perforto, la timo, la soleco.
Tri ĉapitroj temas i.a. pri la brazila prizona sistemo, aliaj priskribas alternativajn punojn en la brazila sperto, krimon kaj punon en Usono, la krimecon kaj la prizonan sistemon en Japanio, la deliktan agon kaj la porinfanan kaj porjunulan justicon, la servadon al la komunumo kiel alternativo al malliberigo de plenaĝuloj kaj adoleskantoj.
Servado al la komunumo montriĝas grava alternativo; ĝi ne stigmatizas, evitas nepunecon, reprezentas malaltajn kostojn al la ŝtato. Krome nur malgranda nombro de tiel punitaj homoj denove kulpiĝas pri iu krimo dum male 40-60 percentoj de "normalaj" enprizonigitoj recidivas.
Ĉio skribita en bone komprenebla stilo; la libro enhavas nur kelkajn preseraretojn.
Mi ĝojas ke ĉi tiun interesan libron mi gajnis, ĉar alie mi neniam legus ĝin!

Anneke

## EL MIA LETERKESTO

**1]** *Ik las net onderstaand berichtje in mijn eigen facebook:*
**Mi kore gratulas Arjen-Sjoerd de Vries, Bert de Wit kaj Roel Haveman** pro ilia hodiaŭa akceptiĝo en la Panteonon de **edukado.net** kiel meritplenaj instruistoj de Esperanto.

*Groeten, Ineke*

**2]** http://www.boekenweek.nl/in-de-boekwinkel/boekenweekessay/
*Nog een boek over Moresnet!* http://www.boekenweek.nl/in-de-boekwinkel/boekenweekessay/

**3]** *Ret-Info / Lingvo-Studio, LS*
http://www.eventoj.hu

**4] "Esperanto kiel Vivanta Lingvo" Lezing van Federico Gobbo op het Drongo Talenfestival 2015**
*Tijdens het Drongo talenfestival op 25 september 2015 verzorgde professor Federico Gobbo namens de vereniging Esperanto Nederland een workshop Esperanto: "Esperanto kiel vivanta lingvo". Op beeldende wijze gaf hij, volledig in het Esperanto, een korte inleiding in de taal, slechts ondersteund door een diapresentatie met vertalingen in het Engels en Nederlands. De video hiervan is nu verschenen op YouTube. Dank aan Gijs Velsink die er ondanks al het rumoer op de beursvloer in slaagde een goede kwaliteitsopname te produceren.*
**Interesa enkonduka leciono pri Esperanto.**
**Een interessant introductielesje van Esperanto.**
**An interesting introductory lesson of Esperanto.**

De link op Youtube naar de video: https://youtu.be/C8bkoNLjKrM
De dia's van de presentatie zijn te bekijken op:
http://www.slideshare.net/goberiko/esperanto-kiel-vivanta-lingvo

# UEA/KER-EKZAMENOJ

Je sabato la 4a de Junio 2016 okazos la **Kvina Tutmonda ekzamentago de UEA/KER-ekzamenoj**. Tiuj ekzamenoj testas la scipovon de la lingvo Esperanto kaj estas laŭ nova sistemo konforme al la kriterioj de la Komuna Eŭropa Referenckadro (KER), per kiu oni por eŭropaj lingvoj determinas ies lingvoscipovon.

IEI dum tiu ekzamentago organizos **ekzamensesion** (por niveloj B1, B2 kaj C1) en sia konstruaĵo (Riouwstraat 172, Hago, Nederlando), kune kaj samtempe kun ekzamensesioj en diversaj aliaj lokoj en la mondo. Tiuj, kiuj trapasos la ekzamenon havos oficialan kaj ŝtate agnoskatan atestilon pri sia kono de Esperanto. Pliaj informoj: ĉe www.edukado.net per kiu ankaŭ aliĝo estas ebla (antaŭ la 10a de Majo 2016) aŭ ĉe Piet Buijnsters (retpoŝto: pbuyn@planet.nl aŭ tel.: 024 3656815).

# NE FORGESU PRI ....

**1]** *Zienderorgen*: http://www.stichtingzienderogen.nl/
**2]** *Movado sen Nomo:* movado-sen-nomo=skynet.be@mail71.atl51.rsgsv.net

# ESPERANTA MONUMENTO EN TEKSELO

*Dit monument op Texel is een eerbetoon aan Dr. Lejzer Zamenhof, ontwerper van de internationale hulptaal Esperanto als bijdrage tot begrip tussen verschillende volkeren en culturen. De bouw was een initiatief van Johan M. Duinker die zijn enthousiasme voor deze taal op velen overbracht. Honderden mensen leerden Esperanto en brachten het geld voor dit gedenkteken bijeen. Het in 1935 onthulde monument werd in 1941 op last van de Duitse bezetter gesloopt. De herbouw na de oorlog heeft Duinker niet mogen meemaken. Met negen andere Texelaars werd hij op 6 april 1945 door de Duitsers gefusilleerd.*

**Raporto pri nia vojaĝeto al la Esperanto-monumento en Tekselo, la 24-an de februaro 2016.**
Je la 24 de februaro, je proksimume la 11-a horo kaj duono, alvenis tri membroj de la klubo: Els, Elly kaj Ans, ĉe nia domo en Julianadorp. Ili eniris nian aŭtomobilon, kaj 5-ope ni veturis al Den Helder, por enŝipiĝi sur la pramon al Tekselo.


La pramŝipo, kaj post ĝi Tekselo

Sur la ŝipo ni renkontis ankoraŭ 2 aliajn konatojn: Johano kaj Jannie. Ili prenis la aŭtobuson "texelhopper", ekde la heldera stacidomo. Ni eksidis en la varmigitan pasaĝeran ferdekon,


Mararmea haveno Den Helder kie Vinus devis en- kaj elŝipiĝi dum lia laboro.

ĉar la vetero ne estis tre komforta. Dum la ŝipveturado ni vidis kelkajn interesaĵojn kiel la mararmean havenon, la lumturon de Den Helder, kaj


sinjoroj Duinker kaj Kingma.

grandegan borilegan platformon. Ni alvenis ĉe la monumento en Den Burg iomete post la unua horo. Kaj venis pli da esperanto-amikoj: Bert kaj Thea Engel, el Heiloo, kaj Andries Hovinga, el Groningen, por reprezenti la estraron de Esperanto Nederland.
En la invito de la Teksela Komunumo staris, ke la solena malkovro okazos ja la dua, do ni havis pli ol sufiĉe da tempo.
Jam atendis nin sinjoro Harry de Graaf, kaj poste venis sinjoro Duinker (el Leiden). Ili estas posteuloj de la personoj, kiuj en la jaro 1935 iniciatis la Esperanto-monumenton. Iliaj familianoj prizorgis la monumenton, kaj instigis la komunumon ne neglekti ĝin.
Dum la lastaj tri jaroj oni faris biciklejon apud kaj eĉ antaŭ la monumento, kio kompreneble ne estis tolerebla! La "najbaro" de la monumento, Klaas Smidt, (li loĝis tuj kontraŭe) ofte kaj instige alparolis la urbestron de Den Burg, kaj aver-


Kelkaj Esperantistoj kaj unu Tekselanino kun hundo kaj malgranda donaco.(floroj)

tis ankaŭ la estraron de Esperanto-Nederland, kaj eĉ nin, la familion Lathouwers, ĉar ni loĝas ne malproksime de la monumento. Kaj ni subtenis liajn plendojn kiel Esperantistoj.


Vinus kaj Harry hisas la flagon.

Kaj la tekselaj Esperantistoj? Bedaŭrinde tiuj ne plu ekzistas! Iam loĝis kelkcentoj da Esperantistoj en Tekselo. La posteuloj, kvankam ili ne okupas sin pri Esperanto, tamen zorgas pri la monumento, kion ili konsideras grava proprietaĵo de la insulo.


La malkovro de la plato

Ankaŭ la urbestro kaj skabenoj de Den Burg nun havas tiun opinion. Ili prizorgis grandan latun-platon, el latuno, kun teksto sur ĝi pri la monumento kaj Esperanto. Ĝi estas bone fiksita sur ŝtonego el betono.
Kiam ni alvenis, ĝi estis kovrita de la teksela flago. Sed ni kunprenis, laŭ peto, du Esperanto-flagojn, unu por kovri la platon, kaj la alia por hisi sur la flagmasto. Kaj tiel okazis! Unue staris nur kelkaj personoj ĉe la monumento. Sed dum la malkovro de la plato mi kalkulis minimume 50, kvankam pluvis, hajlis, kaj neĝis la solenaĵoj!


La plato kun teksto.

La skabeno Kingma unue prelegis Esperantlingve, sed li ne estas Esperantisto. Li sendis la nederlandan tekston al Ineke Emmelkamp, kaj ŝi tradukis ĝin por li. Ni povis lin kompreni, sed ni tuj oferis al li kurson...
Kaj poste li kaj sinjorino Smidt, la vidvino de la bedaŭrinde intertempe forpasinta Klaas Smidt, malkovris la latun-platon.

Jen la traduko de la nederlandlingva surskribo:
"*Ĉi tiu monumento sur Tekselo estas omaĝo al D-ro Lejzer Zamenhof, projektinto de la internacia helplingvo Esperanto, kiel kontribuo al kompreno inter malsamaj popoloj kaj kulturoj. La konstruo estis iniciato de Johan M. Duinker, kiu transmetis sian entuziasmon por ĉi tiu lingvo al multaj. Centoj da homoj lernis Esperanton kaj kolektis la monon por ĉi tiu memoraĵo. La en 1935 malkovrita monumento estis malkonstruita en 1941 laŭ ordono de la germana okupanto. La rekonstruadon post la milito Duinker ne plu povis ĉeesti. Je la 6-a de aprilo 1945 li estis mortpafita de la germanoj kune kun 9 aliaj tekselanoj.*"


S-ro Kingma baraktas .paroli Esperante..


Kaftrinkado en restoracio, kun Elly, Els kaj Andries. kaj post tiuj: Vinus kaj aliaj. Ankaŭ ĉeestis multaj konsilianoj de Den Burg. Unu el ili diris al mi, ke ŝi iam pianludis ĉe la inaŭguro en 1950 de la monumento, kiam oni kantis La Esperon! Mi ne povis ne doni kison al ŝi!

Post tio ni kantis “La Esperon.” Mi kunprenis 20 ekzemplerojn de la teksto, sed tio ne sufiĉis! Ĉiuj ĉeestantoj volis havi unu, Esperantisto aŭ ne. Feliĉe ke Andries ankaŭ kunprenis kelkajn, kaj ankaŭ faldfoliojn pri Esperanto: “Esperanto zo op zak.”(Esperanto en via poŝo)
La intereso estis granda! Eble la nova iniciato de la monumento okazigas novajn Esperantistojn en Tekselo.
Por tio mi estas preta reveni hejmen kun du malsekegaj Esperanto-flagoj!

Marijke Lathouwers

*Toespraak van wethouder Frank Kingma (gemeente Texel) ter gelegenheid van de onthulling van de gedenkplaat bij het Esperanto-monument in Den Burg op 24 februari 2016.*

*Ik begin mijn toespraak in het Esperanto.*



La Denheldera lumturo

Gesinjoroj, bonvenon!
La estraro de la komunumo Texel ĝojas bonvenigi vin en tiu ĉi historia loko okaze de la inaŭguro de la memorplato, kiu donas al la Esperanto-monumento la publikan atenton, kiun ĝi meritas.
*Dames en heren, hartelijk welkom. Het gemeentebestuur van Texel is zeer verheugd u op deze historische plek te mogen begroeten ter gelegenheid van de onthulling van de naamplaat, die het Esperantomonument de publieke aandacht zal geven, die het v erdient.*

*Het monument werd gebouwd in 1935 op initiatief van Johan Duinker naar een ontwerp van architect Igesz. Duinker en zijn broer Gijs waren de uitgevers van de Texelse Courant en maakten van dit blad gebruik om de wereldhulptaal Esperanto te promoten en om het geld voor het monument bijeen te brengen. Honderden Texelaars leerden Esperanto en meer dan eens werden op Texel congressen gehouden door landelijke en regionale organisaties van Esperantisten.*
*De Duitse bezetters moesten niets hebben van Esperanto, omdat deze taal was bedacht door een Jood, Dr. Lejzer Zamenhof, en lieten het monument in 1941 slopen. Enkele Texelse Esperantisten wisten nog net op tijd enkele onderdelen in veiligheid te stellen en te verbergen zoals de windwijzer in de vorm van de esperantoster en de afbeelding van Zamenhof. Ook het fundament bleef zitten. Hierop werd het monument in 1950 herbouwd.*
*De broers Duinker kwamen om in de Russenoorlog en hebben de nieuwbouw dus niet meer beleefd. Johan werd met negen andere Texelaars op 6 april 1945 op De Mok doodgeschoten en Gijs bezweek later aan de verwondingen die hij bij de Duitse beschieting van Den Burg had opgelopen.*
*Eigenaar van het monument is de gemeente Texel die het monument liet restaureren, toen het bouwvallig dreigde te worden. Van recente datum is de beroering, die ontstond toen het plantsoen rond het monument tot rijwielstalling werd gemaakt. Het was overbuurman Klaas Smidt, die zich hiertegen fel teweer stelde en met medestanders in elk geval wist te bereiken, dat dit plan werd bijgesteld en dat zowel het monument als het plantsoen werden voorzien van een fraai hekwerk. De geschiedenis herhaalt zich, want Klaas Smidt overleed op 9 augustus jongstleden en maakte het resultaat van zijn actie dus niet mee.*
*Ooit was Esperanto op Texel een begrip. Er waren weinig gemeenten in Nederland waar naar verhouding zoveel Esperanto werd geleerd. Tegenwoordig weten nog maar weinig voorbijgangers, wat dit monument voorstelt. Dat is een van de redenen geweest om een gedenkplaat met uitleg te plaatsen, waardoor dit monument als historisch belangwekkend object de aandacht krijgt die het verdient en bijdraagt aan de belevingswaarde van het dorp. Voor de gemeente was het geen probleem om deze extra kosten voor rekening te nemen en de initiatiefnemers zijn daar zeer erkentelijk voor.*
*De gedenkplaat is afgedekt met de Esperantovlag met de groene ster. De onthulling bestaat uit het wegtrekken van deze vlag door Wim Duinker uit Leiden (zoon van wijlen Johan Duinker) samen met Mary Smidt-Witte, weduwe van Klaas Smidt.*

**La fotojn ĉe tiu ĉi artikolo pri la Teksela Monumento ni ricevis de Vinus kajMarijke Lathouwers.**








Jen ege moderna poemo de la dana esperantisto **Jesper Lykke Jakobsen**. Li estas kunredaktoro de la revuo 'Beletra Almanako', eldonita de Mondial, Novjorko. La prezentita poemo aperis en la numero 24, oktobro 2015.
La poemo estas inspirita de foto de la usonano John Stanmeyer, kiu en 2013 gajnis la premion *World Press Photo of the Year*. Ni vidis afrikanojn ĉe la marbordo kun streĉita brako alte en la aero. Ili tenas siajn poŝtelefonojn. Ties ekranoj° heliĝas° kontraŭ la krepuska° ĉielo. *scherm; oplichten schemerige*

| **TRANSLAZUREN** | ***Doorheen het azuur*** |
|---|---|
| Glimas ĉehorizonte | *Glimmen aan de horizont* |
| radioj plej lastaj | *allerlaatste stralen* |
| de suno ekvanuanta. | *van de verdwijnende zon.* |
| Karesas sablo kalon | *Zand streelt de eelt* |
| de piedoj vojaĝlacaj. | *van voeten vermoeid door de reis.* |
| | |
| Hejme hantas haŭbizoj. | *Thuis 'spoken' houwitsers.* |
| | |
| Flirtas en vent' tepida | *Wapperen in een lauwe wind* |
| sombre lanugaj brakoj, | *donkerdonzige armen* |
| kun poŝtelefono enmane, | *met zaktelefoon in de hand* |
| lampione, similaj al | *als lampionnen, gelijkend op* |
| bioluminеska mar-anemono, | *de lichtgevende zee-anemoon* |
| kies tentakloj ondas antene | *waarvan de tentakels golven als antennen* |
| por kapti signalon, novaĵon. | *om 'n seintje of nieuws op te vangen.* |
| | |
| Ĉar hejme hantas haŭbizoj. | *Want thuis 'spoken' houwitsers.* |
| | |
| Raŭkas voko, tujas foriro. | *Schorre stem, onmiddellijk vertrek.* |
| Rodas apude por ĉi hazarda | *Niet ver schuilt, voor deze gewaagde* |
| odiseado – aŭ eble vojaĝo lasta- | *odyssee – of misschien laatste reis-* |
| la barko de l' espero. | *de bark van de hoop.* |

**PRI LA ENHAVO.**
**La titolo.** **Translazuren**
**La lazuro**: *het azuur, het hemelsblauw*
Jen kunmetita° vorto kiu aldone havas la adverban finaĵon -en. *samengesteld*
Kion indikas tiu finaĵo **-en**?
Jen finaĵo kiu indikas la lokon, internen de kiu almoviĝas iu aŭ io (PIV).
Do la titolo sugestas ideon de...?
ideon de **movo al** io aŭ iu kaj **trans** io aŭ iu.

**La versoj.**
**Versoj 1-3.** **Glimas ĉehorizonte radioj plej lastaj de suno ekvanuanta.**
Kia estas suno ekvanuanta°? *ek = beginnen te verdwijnen*
Ĝi komencas **vanui**°, malaperi.
Pri kiu momento de la tago temas?
Vespero. Estas vespere.
La suno do malrapide kliniĝas al la... horizonto.
Komparu la francan verbon *s'évanouir* (flauw vallen), esperantlingve 'sveni'°. *in zwijm vallen*
Rimarkindas, ke la radiko sveni perdis sian originalan 's' en la nederlanda *'zwijm'*.
Komparu ankaŭ la anglan *'to swoon'*.

**Versoj 4-5.** **Karesas sablo kalon de piedoj vojaĝlacaj**
Ĉu la sablo karesas la piedojn aŭ inverse?
Kial tiu verso inversigas° la rolojn de sablo kaj piedoj? *omkeren*
Eble ĉar la unuaj versoj priskribas la pejzaĝon?
Ĉu poezia licenco°? *dichterlijke vrijheid*
Kial tia vortordo estas nekutima?
La nekutima vortordo devigas° legi pli atente kaj pli malrapide. *verplicht*
Tio atentigas la leganton pri la scenejo: ĝi ŝanĝiĝis: de la idilia sunsubiro kaj de la karesado de la sablo al la kalo de elĉerpitaj° piedoj. *uitgeputte*

**Verso 6.** **Hejme hantas haŭbizoj.**
**Haŭbizo** estas...?
mallonga kanono, destinita por pafi° laŭ granda celangulo° (PIV). *schieten doelhoek*
(N.B. kaze de pafo preskaŭ horizontala, la celangulo estas preskaŭ nula).
Oni rekonas pli-malpli etimologian rilaton kun la nederlanda *'houwitser'* kaj la franca *'obusier'*.
**hanti** = vizitadi°, se paroli pri fantomo (PIV). *herhaaldelijk bezoeken*
Kio ekzemple povas/povus esti hantata?

En rakontoj, ofte kasteloj, domoj ktp.
Kio ekzemple povas hanti en ies° *iemands* menso°? *geest*
Iu parolo, ia problemo, ia minaco, la estonteco, malbonaj memoraĵoj,
Kial la surpriza° vorto 'hanti'? *verrassend*
La haŭbizoj estas por la homoj daŭra minaco, pro tio ili estas kompareblaj al fantomoj kiuj hantas ies kapon.

Kial tiu verso staras en la poemo **tute izolita**?
Por klare esprimi interrompon° *onderbreking* en la fluo de la rakonto. Jen informo kvazaŭ flanke de la poemo pri la pensoj de la vojaĝantoj. Ni ekscias ke temas pri homoj, kiuj jam de longe fuĝas pro la milito en sia lando.

**Versoj 7-9. Flirtas en vent' tepida sombre lanugaj brakoj, kun poŝtelefono enmane,**
**Flirti** signifas laŭ PIV
aŭ delikate, kaprice flugeti
aŭ senpere°, facile moviĝi en la aero *rechtstreeks*
tien kaj reen°, *heen en weer*
sed ankaŭ **amindumi**°! *het hof maken, flirten*
Kiel klarigi tiom da signifoj?
Flirti signifas figurasence kvazaŭ flugeti° de unu al alia. *fladderen*
Kiel brakoj de homoj povas flirti en la vento?
La marŝantaj homoj tenas la poŝtelefonon plej alte super la kapo esperante havi pli bonan konekton°. *verbinding*
Ne surprize, ke en tiaj kondiĉoj, la brakoj ne estas stabilaj kaj flirtas !
Kial '**sombre' lanugaj**°? *donzige*
Ĉio okazas nokte kaj la haŭto de la fuĝantoj ne estas blanka.
**poŝtelefono**
Ĉu ne surprize, ke tiuj fuĝantoj posedas poŝtelefonon?
Jen signo de la tuttera° *wereldwijde* disvastiĝo° de tiaj telefonoj. *verspreiding*
Kiel klarigi tian disvastiĝon?
Ne nur ili estas ege utilaj en landoj sen telefonservo sed pro komercaj celoj° *doeleinden* ili kelkfoje estas vendataj tre malmultekoste aŭ eĉ lanĉataj° senpage. *gelanceerd*
**Versoj 10-11. lampione, similaj al biolumineska maranemono,**
**lampiono** estas lampeto en diverskolora vitra° aŭ papera ujo°, uzata por *glas; pot* luminado°. *verlichting*
Kial '**lampione**' en adverba formo?
adverbo ĉe la verbo 'flirtas' el verso 7.
Kial ne simple 'lumineska' anstataŭ la peza° *zwaar* '**biolumineska**'?
Eble por klare montri ke, post la poŝtelefonoj kaj lampionoj, temas ĉi tie pri tute vivantaj korpoj.
Kiu aŭ kio elsendas ĉi tie lumon per sia vivo ('bio')?
la maranemono. Ties scienca nomo estas 'aktiniulo' (PIV).
Pri kiu floro aŭ kia floro temas?
Jen ne floro sed marbesto, kiu brilas per si mem.
Kial jen komparo kun tia 'floro'?
La svingiĝantaj° brakoj kun la *swingende* poŝtelefonoj en la aero donas la saman movon kiel la ondoj de la maro donas al la maranemono.
Kies brakoj?
De la marŝantaj homoj.

**Versoj 12-13. kies tentakloj ondas antene por kapti signalon, novaĵon.**
Kio estas tiuj **tentakloj**?
la brakoj de la fuĝantoj el verso 8.
Kio fakte estas 'tentaklo'?
ĉe la kapo aŭ ĉirkaŭ la buŝo de diversaj primitivaj animaloj: dika **palpfadeno°.** *(palpi = betasten, fadeno = draad)*
**ondas** = leviĝi kaj malleviĝi kiel **ondoj** en ekzemple akvo.
**antene** = en simila maniero kiel anteno faras.
**kapti**
Kial ne simple diri: ricevi signalon?
'**kapti**' sugestas pli da persona **klopodado**°, pli da *pogingen* streĉado°. Efektive°, en la *inspanning; inderdaad* tieaj° cirkonstancoj, la *plaatselijke (van daar)* ricevo de ia ajn° mesaĝo *om 't even wat voor* estas verŝajne problema, ne certa.
Kp. fiŝkapti, militkaptito° *krijgsgevangene*
muŝkaptilo: ilo por kapti muŝojn° *vlieg*
muŝkaptulo: nomo de birdoj, kiuj manĝas inter alie muŝojn.

**Verso 14. Ĉar hejme hantas haŭbizoj.**
Kiel en verso 6 staras tiu ĉi frazo aparte. Denove interrompo de la rakonto. La frazeto rolas kiel daŭra° sprono°. *voortdurende; aansporing*

**Verso 15. Raŭkas voko, tujas foriro.**
**raŭkas voko**
Notindas la sonvaloro/sonefiko° *klankeffect* de tiuj vortoj!
Fakte, ili ne ekzistas kiel verboj, sed en Esperanto la metamorfozo ne ŝokas kaj male substrekas la urĝecon de la afero. La poeto tre lerte° verbigas vortojn, kio tiamaniere *handig* bone donas la impreson, ke ĉio urĝas. Dank' al tio la graveco kaj la urĝeco de la situacio klare esprimiĝas per nur kvar vortetoj.
Ankaŭ la vortara difino de la vorto **'raŭka'** estas interesa: sonanta malklare, obtuze°, *dof* kvazaŭ skrapante.
Pro kio la voĉo povas interalie° *onder andere* **raŭkiĝi**?
pro malvarmumo, pro gorĝodoloro°. *keelpijn*




pro ekscesa kantado aŭ kriaĉado°. *lelijk geschreeuw*
Jen belega kaj esprimiva° verso ! *uitdrukkingsvol*

**Versoj 16-17. Rodas apude por ĉi hazarda odiseado – aŭ eble vojaĝo lasta-rodi**: esti en la rodo°, esti en la *rede, ankerplaats* eksterhavena parto de maro, nature aŭ arte ŝirmita kontraŭ la ventoj, kie ŝipoj povas sendanĝere haltadi° (PIV). *lang halt houden*
Rimarketo: la poeto denove ŝatas verbigi vortojn.
**hazarda** = dependa de hazardo°. *toeval*
**odiseado** = unu el la du poemoj de Homero, en kiu estas rakontita la hejmeniro de Odiseo° *Odysseus* post la venkopreno° de Trojo (PIV). *verovering*
**Odiseo**: mita reĝo de Itako (insulo en Mediteraneo), edzo de Penelopo.
**mito**: tradicia rakonto pri la dioj aŭ prapatroj° kaj iliaj agoj° en la *voorvader; daden* komenco de la tempoj.
**vojaĝo lasta-**= la morto
Al kio referencas tiu esprimo en la poemo?
Eble al la multaj fuĝantoj kiuj dronas° *verdrinken* en Mediteraneo, pro la malsekuraj° *onveilig* kaj plenplenaj boatetoj.

**Verso 18. la barko de l' espero.**
Komprenenda: aŭ barko, kiu alportas esperon aŭ la esperata barko, kiu ebligos eskapi° *ontsnappen* el tiu danĝera situacio kaj trovi pli bonajn vivkondiĉojn aliloke.
Kial la espero havus barkon?
Eble ĉar en tia situacio eblus° *zou mogelijk zijn* eskapi nur per la maro?
Kaj ne al najbara lando?
Verŝajne la eskapo al najbaraj landoj ne eblas aŭ estas iel° riska. *op één of andere manier*

**Rilate la problemon de la fuĝantoj.**
Pri kiuj elmigrantoj temas en la poemo?
Laŭ noteto sub la poemo en la 'Beletra Almanako' temas pri afrikaj elmigrantoj sur la marbordo de Ĝibutio.
Kial tiu loko estas grava° por *belangrijk* elmigrantoj?
Ĝibutio estas kutima haltejo por elmigrantoj el landoj kiel Somalio, Eritreo, Etiopio.
Kien tuj elmigrantoj esperas iri?
Ili serĉas pli bonan vivon aliloke, ekzemple en Eŭropo aŭ en Mez-Oriento.
Ĉu tiaj neleĝaj enmingrantoj estas bonvenaj aliloke? Kiel plej ofte reagas la diversaj landoj, kie ili aperas?
Jen tikla° demando. Ties° reago *netelig; van dezen* estas ege diversa kaj krome° *bovendien* evoluanta. En pluraj eŭropaj landoj ili estis ĝis nun bonvenaj, sed la situacio povas evolui depende de la reago de la loka loĝantaro°. *inwoners*
Plie° estas bone sciate, ke pluraj landoj *bovendien* jam fermis sian limon° *grens* al ia ajn° enmigranto. *om 't even wat voor één*
Farante tion, kion tiuj landoj volas preventi°, eviti°? *voorkomen; vermijden*
Pluraj kaŭzoj estas donitaj, kiel ekzemple tro granda kresko° de la nombro da *toename* senlaboruloj°, de la nombro da *werklozen* kredantoj de aliaj religioj.
Eble la vera kialo estas la timo° pri la *vrees* perdo de la propra prospero aŭ la angoro° *angst* pro aliaj kulturoj?

Pripensindaĵo°: *doordenker*
**Kie estas mia feliĉo, tie estas mia niĉo**°. *nis*
Laŭlitere: Kie oni faras sian neston, tie oni sin daŭre instalas.
(Pripensinda nederlanda tradukaĵo:
*Waar het mij goed gaat, daar is mijn vaderland*).

-----

**PRI LA STILO.**

**La titolo.**
La titolo 'translazuren' atentigas. Pri kiu azuro? de la ĉielo? de la maro? Eble de Mediteraneo?
La titolo erarigas, ĉar la lazuro sugestas feriojn. Temas tamen pri tute alispeca° 'vojaĝo'! *van een andere soort*

**La poemo.**
Jen nuntempa temo. Pere de malmultaj vortoj la poeto sukcesas krei tutan etoson kaj realaĵon. La poemo impresas la leganton progresive, iom post iom la premo° grandiĝas. *druk*

Ankaŭ laŭ forme la poemo estas moderna, sen rimoj, sed tamen la leganto havas la impreson, ke ne temas pri prozo. Kvankam la versoj ne havas striktan skemon, ili sufiĉe regule skandiĝas kaj la leganto, en ĉiu strofo aparte, estas kuntrenata per la ritmo de la versoj. Ritmo bone subtenata per la kre**iva** uzo de la lingvo, interalie nekutima vortordo, verbigo de vortoj.
(Notu: sufikso *–iva* montras kapablecon.)

Tiom pli forte impresas la du minacantaj interrompoj de tiu ritmo: **'Hejme hantas haŭbizoj'**. Rimarku la subtila° uzo de *spitsvondig* 'hanti'. La ĉefa karakterizo de 'hanti' estas la konstanta ripetiĝo. Ne mirige° do ke *verwonderlijk* la ideo reaperu dum la rakonto.

-----

**PLIE PRI IUJ UZITAJ VORTOJ.**
**Translazuren** (titolo)
Jen iuj interesaj ekzemploj de la prepozicio '**trans**' el PIV:
a) La birdo flugis trans la strato. Kie?
= ĝi estis sur la alia flanko de la strato kaj tie ĝi estis fluganta.

